# Internacia Fervojisto

Dumonata organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
kaj fervojfaka revuo




ISSN 1397-4270

# 2017.5

**La reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn**

E
3306

# 9.288 km de Moskvo

## Karaj gelegantoj,

la somera ferio kelkloke ankoraŭ daŭras, sed la horizonto de laboro estas proksima. Konscie forgesitaj detalojn necesas pene denove enkapigi. Kie je diablo mi storis la tekston? Ĉu mi ĝin jam skribis aŭ ĉu ie nur kuŝas slipo krampita al gazetartikolo kiu servu kiel instigo?
Unu anonco de reveninto en la retpoŝtkesto. Cetere post forĵeto de la reklamo ĝi regapas malplena.
La Ĝenerala Regularo postulas la jarraporton pri la pasinta jaro. Tio estas jam komenco por sensohave plenigi la aktualan eldonon.
Ladislav estis sendinta artikolon pri apudstaciaj bicikloprovizejoj. Kelkaj informoj pri la sekvonta IFK estas haveblaj. De Lihua venis malĝojiga mesaĝo.
Semajnon da pacienco rekompencas raporto pri la transsiberia karavano, du kontribuoj kun novaĵoj el Usono (unu migros en rezervon) - kaj la afero estas preskaŭ regulita.
Post du semajnoj dum la prezidia kunveno en suda Germanio mi havos okazon renkonti kelkajn FISAIC-funkciulojn de kiuj ĝis nun mi nur konas la nomojn. Mi esperas pri ideoj kaj sugestoj, novaj eblecoj de kunlaboro, nova rolo de nia federacio.

Ni vidos – kaj vi legos ...

Amikajn salutojn



**Guido Brandenburg**

# Enhavo:



**Internacia Fervojisto**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
Apero: Januaro, Marto, Majo, Julio, Septembro, Novembro
Redaktofino: La 10-a de la antaŭa monato

**Estraro de IFEF**
**Prezidantino:** Rodica Todor (Rumanio) rodica_todor@yahoo.com
**Sekretario:** Vito Tornillo (Italio) vitorni@virgilio.it
**Kasisto:** Laurent Vignaud (Francio) laurent.vignaud@free.fr
**Redaktoro:** Guido Brandenburg (Germanio) guido.brandenburg@t-online.de
**Gvidanto de la Faka Komisiono:** Jan Niemann (Danio) niemann@kabelmail.dk

**Membroj de la Redaktora Komisiono**
Lene Niemann (Danio), Jean Ripoche (Francio), István Gulyás (Hungario)

**Membroj de la Faka Komisiono**
D-ro Heinz Hoffmann (Germanio), Ladislav Kovář (Ĉeĥa Respubliko)

**Bank-Konto:**
**Nomo:** „Laurent Vignaud”
**IBAN:** FR33 20041 0 1011 0929 374Y 03237
**BIC:** PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Retejo**: www.ifef.net
**Facebook:** https://www.facebook.com/pages/IFEF-Internacia-Fervojista-Esperanto-Federacio/726039834155372



Plastoŝirmilo kaj mallonga pantalono estas taŭga vesto por sezontipa vetero. La karavano vizitas *Vladivostok*.
(Foto: Ulrich Brandenburg)

# Per „Tatjana-Tours“ al *Vladivostok*

Ok jarojn mi vivis en Rusio kaj estis vizitinta multajn lokojn laŭlonge de la linio – de *Jaroslavl* kaj *Perm* preter *Jekaterinburg* kaj *Novosibirsk* ĝis al *Irkutsk*, *Ulan-Ude*, *Ĥabarowsk* kaj *Vladivostok*. Sed la tempo neniam estis sufiĉinta por vojaĝo per la Transsiberia Fervojo. La okazon ofertis ĉijare la Esperanto-kongreso en Koreio. Nia Esperanto-amikino Tatjana Loskutova el *Ivanovo* organizis je tiu okazo grupvojaĝon kiun partoprenis entute 38 personoj el tuta okcidenta Eŭropo – la plejmulto kiel mi por pluvojaĝo per aviadilo de *Vladivostok* al la (sud-)korea ĉefurbo. Por Tatjana tio ne estis la unua Esperanto-grupovojaĝo (“karavano”). Jam antaŭ jaroj ŝi organizis vojaĝon al la kongreso en *Peking*. Simila karavano 2016 moviĝis de Koreio al *Nitra* en Slovakio. Kaj plia – organizita de So Gil Su el Koreio – ekis de *Berlin* la 1-an de Julio kun unu semajna antaŭo laŭ iom diferenca itinero.

Kelkiu leganto jam konas la linion kaj kolektis spertojn pri fervojaj vojaĝoj en Rusio. La Transsiberia Fervojo ne estas altrapida konekto. Oni veturas pli trankvile, venkas la 9.288 kilometrojn ĝis *Vladivostok* tamen en sep tagoj. Dume restas paŭzoj de 20 ĝis 30 minutoj, dum kiuj la vojaĝantoj povas eliri kaj replenigi siajn provizojn. Ili tamen ne maltrafu la pluveturon: La rusa fervojo estas konata pro sia akurateco. Ekzistas ankaŭ restoracivagono en kiu la menuoj ankoraŭ estas freŝe preparataj. La kvarlitaj kupeoj estas komfortaj kaj vastaj. Lavĉambroj konformas al eŭropa kutimo (eĉ eblas sin duŝi survoje) kaj la prizorgo – po vagono kunvojaĝas du akompanantoj – estas atenta kaj helpema. Teo, keksoj aŭ eĉ nur varmega akvo estas riceveblaj je ĉiu taga kaj nokta horo. Rusa apartaĵo: Por la trajntrafiko validas tutlande la moskva tempo. La diferenco al la loka tempo sole sur tiu linio kreskas ĝis 7 horoj.



Transsiberia linio apud la Bajkal-lago
(Foto: Octagon, WikiMedia)




La vojo estas la celo – ne nur, sed grandparte ...

Tatjana dum unu jaro estis pedante preparinta tiun vojaĝon. La komencon markis vizitprogramoj en Sankt-Peterburgo kaj Moskvo, kiujn mi maltrafis. Post kvar tagoj kaj noktoj en la trajno numero 70 (Moskvo - *Ĉita*) ni atingis *Irkutsk* ĉe la *Angara*-rivero. De *Listvjanka* ni veturis per ekskursa ŝipo al *Utulik* ĉe la suda bordo de la Bajkal-lago. Sekvis du tagoj en belega montara kaj laga pejzaĝo, varmegaj fontoj en Burjatio kaj ski-

liftoj sur la “Zibela Monto” kun elrigardo trans la lagon. La pluveturo per la fama trajno numero 2 (Moskvo-*Vladivostok*) daŭris tri tagojn kaj noktojn. En *Vladivostok* atendis nin la loka Esperanto-grupo, la sezontipa ŝanĝo inter varmego kaj pluvego kaj ampleksa ekskursprogramo, inter alie vizito en la nur antaŭ nelonge finkonstruita oceana akvario sur la antaŭborda insulo *Ruski*: “Monda nivelo” oni en pasinteco estus dirinta. Mi renkontis ankaŭ malnovajn konatojn: la evangelian pastron Manfred Brockmann (komisiita pri la tuta Malproksima Oriento) kaj la honora konsulo Jaroslaw Kotyk. La urbo videble evoluis, precipe pro la sensaciaj pontokonstruoj ĝustatempaj por la APEC-ŝtatestra konferenco 2012.



Sur la kajo de *Krasnojarsk*
(Foto: Andrej Grigorjev)

Kio restas en memoro? La okazo por trankviliĝo kaj la distrita komuneco en la trajno kiu memorigas pri krozadvojaĝo. La ĉiam denove spertita korvarmeco, de la trajnpersonaro ĝis niaj gastigantoj ĉe Bajkalo, adiaŭintaj nin kun larmoj en okuloj. La renkontiĝo kun la rusaj Esperanto-amikoj (la bildo estiĝis dum vojaĝa interrompo en *Krasnojarsk*) kaj la unika atmosfero inter la partoprenantoj, kiu ne ekzistus sen la komuna lingvo.

Elkoran dankon al Tatjana Loskutova – kaj dum la venonta vojaĝo mi volonte denove ĉeestus!




Monumento por la kilometro 9288
(Foto: Ulrich Brandenburg

**Ulrich Brandenburg**




La tablotriono de IFEF – Liba kaj Laurent propagandas por IFEF kaj la IFK.
(Foto: Iu – laŭ komisio de Laurent Vignaud)

## IFEF ankaŭ en Seulo

Okazo aŭ neokazo longe estis malcerta. Sed la foto ĝin pruvas: IFEF kaptis la ŝancon sin prezenti kadre de la Movada Foiro de la 102-a Universala Kongreso de Esperanto okazinta en la sudkorea ĉefurbo Seulo. Ni dankas al Laurent Vignaud kiu sendis koncizan raporton:

Tablo estis por 3 asocioj, sed unu (futbalistoj) ne venis, kaj por la dua (IKEF) estis nur instalita materialo sed neniu deĵoris.
Por IFEF deĵoris ankaŭ Liba (Gabalda). Nia tablo-triono certe ne estis plej bele aranĝita, tamen plej grave laŭ mi estas, ke ni alparolis kaj venigis la homojn, por ke ili aŭskultu pri IFEF kaj pri la venonta kongreso en Pollando. El 100 IFEF-reklamiloj kaj 100 IFK-aliĝiloj, ne ĉiujn ni disdonis sed grandan parton (eble po 80).

Kompare kun Lille (100-a UK 2015) la Movada Foiro komenciĝis malpli forte (kun malmultaj vizitantoj) ĉar ĝi okazis ne en la kongresejo mem sed ekstere. Tamen iom post iom venis kongresanoj kaj do estis utile havi spacon por reklami.
Mi nur bedaŭras ke mi (...) ne notis la retadreson de korea metroisto, kun kiu mi parolis ...
Ĉi-kune 3 fotoj (de kiuj la redaktoro elektis unu).

Kore, ĝis, Laurent

PS: nome de IFEF mi ankaŭ salutis fine de la inaŭguro, vere finfine! (mi estis preta sed devis lasi la parolvicon al kelkaj...)

**Laurent Vignaud**

## Usono: Interkonsenta kontrakto pri novaj trajnoj

En Aŭgusto 2016 oni subskribis grandan kontrakton por aĉeti 28 trajn-unuojn de franca *Alstom* por la tiel nomata nordorienta koridoro *Washington-Boston*. La trajnunuoj estos de TGV-tipo, sed ŝanĝitaj por la usonaj kvalit- kaj leĝpostuloj, kaj ili nomiĝos *Avelia Liberty*. La mono, 2,45 bilionoj da USD (2,15 bilionoj da EUR), por la tuta projekto estos prunto de la usona transportministerio al *Amtrak (National Railroad Passenger Corporation)*, la usona tutlanda pasaĝer-fervoja entrepreno.



Avelia Liberty (bildo: Alstom, komputile kreita)

Oni tre ĝojas pri la ebleco modernigi tiun linion, kiu estas tre grava – kiam post la atako en *New York* 11/9-2001 la linio dum unu tuta tago ne funkciis, kaj tio kostis 150 milionojn da USD (132 milionojn da EUR)! La tiama vicprezidento *Joe Biden* je la kontraktoceremonio diris, ke la mono devus esti donaco kaj

ne prunto. „La homoj deziras bonajn trajnvojaĝeblecojn, kaj estas domaĝe, ke ni ne povas fari similan reton en la tuta lando," li diris.
Krom por novaj trajnunuoj la mono iros al renovigo de la trakoj, tiel ke la trajnoj povos veturi unue 160 mejlojn hore (257 km/h) kaj poste je la kapableco 186 mejlojn hore (300 km/h). Cetere oni modernigos la du staciojn *Washington Union* (centra stacio de *Washington*) kaj *New York Moynihan* (grava novjorka stacio por longdistancaj trajnoj).
La metiejoj de *Alstom* en la region devas dungi 400 homojn por konstrui la trajnunuojn.

**Lene kaj Jan Niemann**

## Jarraporto de la sekretario pri la jaro 2016




***Antaŭrimarkigo***
*La ordo de la raporto estas kiel tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Pli detalajn informojn pri diverspecaj agadoj oni trovas en la lasta "Resuma jarraporto de la landaj asocioj".*

### 1. Membrostato

La aktuala membrostato de IFEF estas: 324 laŭ la pagitaj kotizoj (el kiuj 9 IM), 1069 laŭ la sumo de la membroj de la unuopaj LAj. La landaj asocioj estas 17.

### 2. Interna laboro

#### 2.1. Estrarkunvenoj

La estraro kunvenis dufoje en Colmar (FR) 27-a ĝis 29-a de Februaro 2016 kaj 24-a ĝis 26-a de Oktobro 2016. La temoj de la kunvenoj jam estis traktataj detale en la protokoloj. Ĉefe temis pri la organizado de la kongreso, kun personaj vizitoj ĉe la urbodomo, pri la mendo de la salonoj kaj la rilatoj kun la instancoj. Ankaŭ kun la hotelestrino estis rektaj rilatoj pri la kontrakto de la prezoj de la ĉambroj kaj antaŭmendoj de ili. La temo de la kongreso forprenis multe da tempo, sed estis tuŝataj ankaŭ aliaj temoj rilate al la IFEF organizado.

### 2.2. Ĉefkomitatano

Li plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; i.a. oni forsendis cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la jara resumo. Kune kun la Ks/Rd ili daŭre ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj. Kun la Sk kaj la Ks prizorgis la kolektadon de la demandiloj kaj instigis la malfruiĝintojn respondi. Li bone atentigis la komitatanojn sendi en ĝusta tempo la petojn pri statutŝanĝoj kaj la eventualajn kongresproponojn. Li krome petis landajn asociojn anonci datojn de siaj jarkunvenoj aŭ konferencoj okazontaj en la jaro por plani kalendaron de IFEF aranĝoj. Celo estas eviti ke okazu samtempe du aranĝoj, precipe en najbaraj aŭ pli proksimaj landoj.

### 2.3. Vizitoj

La e-kunsidoj en 2016 okazis ambaŭ en Colmar (FR) – sen aliaj aranĝoj fare de la francaj esperantistoj kaj kolegoj. La kunsidoj okazis nur por bone plani la kongreson. Fakte dum tiuj du rendevuoj la lokaj esperantistoj kaj parto de la estraro kontaktis kaj interkonsentis kun la respondeculoj de la urbodomo pri diversaj aferoj, inter alie la luo de la salonoj en la kongresejo. Danke al tiu vizito la urba administracio transprenis patronecon de la kongreso kaj konfirmis monhelpon por la luo de la kongresejo.

Estis ebla ankaŭ interkonsento kun la hotelestrino de la hotelo kie okazis la e-kunvenoj kaj loĝado, pri antaŭmendo je favora prezo de la ĉambroj de tiu hotelo; ŝi disponigis ilin al ni ekskluzive, post antaŭpago de kaŭcio. Dum libera tempo oni vizitis la urbon por havi ideojn pri eventualaj ekskursoj dum kongreso. Tiucele dum la dua kunsido kelkaj ĉeestantoj vizitis la fervojo-muzeon (La Citè du Train) en Mulhouse; oni povis konstati ke ĝi estas vere taŭga ekskurso dum fervojista kongreso, ĉu por la fervojistoj, ĉu por la nefervojistoj; ĝi estas la plej granda en Eŭropo.

### 2.4. Situacio kaj estonto de IFEF en kelkaj landoj.

La situacio en la landaj asocioj de IFEF estas preskaŭ la sama kiel en la pasinta jaro, sed danke al la kunlaborado de diversaj esperantaj asocioj ni sukcesis plani IFEF kongresojn ĝis la jaro 2019. La rilatoj kun aliaj fakaj asocioj daŭre pliboniĝis kaj kreskis, kaj venis peto pri kunlaborado kun e-revuoj “Heroldo de Esperanto” kaj “El Popola Ĉinio”, kiuj volonte aperi-

gos artikolojn pri IFEF. Ankaŭ la laborgrupoj ene de IFEF plimalpli agadas. Malgraŭ la malkresko de la membroj kompare al la UEA-aliĝintaj internaciaj asocioj, IFEF estas ĉiam unu el la plej grandaj kaj agemaj.

## 3. Laborplano

### 3.1. Informa Servo

La korespondado okazas pere de interreto, ni pli bone povus nomi ĝin informado, ĉar ĉiuj membroj povus korespondi samtempe kun ĉiuj aliaj membroj per IFEF diskutad-grupo, pere de "Fejsbuko" ricevi kaj doni informojn, pere de la paĝo ifef.net la membroj kaj la eksteruloj povas ricevi ĉiujn informojn pri ĉio, kio estas enretigita, ĉefe pri fakaj novaĵoj. Okaze de la UK en Nitra estis preparita speciala faldfolio pri IFEF kiu estis disdonata dum la Movada Foiro kaj dum la semajno al ĉiuj interesitoj.

### 3.2. Junularo

Dum la IFEF kongreso en Varna IFEF gastigis la tutan semajnon junan ĉinan fervojistan esperantiston; li kontribuis per faka prelego pri la vartrafiko en Ĉinio. Por la estraro tio estis bona iniciato por instigi junulojn partopreni kaj kunlabori dum kongreso.
Dum la Internacia Junulara Kongreso en Vroclavo ni reklamis pri ekskursoj kies vizitoj rilatis al fervojo, kelkaj niaj membroj partoprenis la kongreson.

### 3.3 Faka Komisiono

#### 3.3.1 Terminara Sekcio

La tradukado de la nocia serio de anglaj, francaj kaj germanaj terminoj en Esperanton tre bone progresas. La terminaro de *UIC* estas nur parte **difinvortaro**, tamen la nombro de aldonitaj difinoj daŭre kreskas. Dum la pasintaj 12 monatoj kontinue daŭris la laboro por plu-evoluigi Esperanto-enhavon en la terminaro de la Internacia Fervojunio *UIC*. Nian daŭran kunlaboron *UIC* kompensas per rajt-eniro de 10 senpagaj enirkodoj al la retaversio de la terminaro.
Por niaj kunlaborantoj aperis 3 numeroj de Terminara Kuriero. Estis ankaŭ reviziitaj multaj fakaj tekstoj por artikoloj kaj prelegoj.
Dum la UK en Nitro estis prezentitaj fakaj prelegoj fare de ĉeĥaj kolegoj, inter kiuj Ladislav Kovář.

### 3.3.2 Fake Aplika Sekcio

En 2016 aperis la "FervojFaka Kajero" n-ro 24. FervojFakaj Kajeroj kaj aliaj fakaj publikaĵoj estis enretigitaj en la paĝo "ifef.net".
En Septembro okazis en Berlino la ĉijara "Innotrans". Ĝin partoprenis membroj de la Faka Komisiono, kaj ĝi estas temo de venonta FervojFaka Kajero.

### 3.4 Komisionoj kaj laborgrupoj.

El la komisionoj kaj laborgrupoj venis raportoj pri la agado.
Pri la eksteraj rilatoj la Pr-ino raportis pri siaj interrilatoj kun aliaj organizoj, dum la UK kaj diversaj aranĝoj kie ŝi estis invitita. Kelkajn kontaktojn ŝi havis kun personoj aŭ asocioj kiuj povus kune organizi niajn venontajn IFEF-kongresojn.
El la arkivada laborgrupo la respondeculo, Jan Niemann, partoprenis seminarion pri arkivado en Herzberg am Harz ĉe ICH. Post tio li eldonis manlibron pri arkivado, kiu estu gvidlinio por katalogi librojn kaj ion ajn.
El la informada grupo, daŭre ili ĝisdatigas novaĵojn en la paĝoj de ifef.net kaj "Facebook" kaj donas informojn pere de nunaj telekomunikadrimedoj.

### 3.5. Fervojista kontaktkunveno dum la 101-a U.K. Nitra – Slovakio (23-a s 30-a de Julio 2016).

Pluraj IFEF membroj partoprenis la UK-n en Nitro. Dum la UK okazis la antaŭviditaj IFEF aranĝoj: sabaton, la Movada Foiro de asocioj; lundon, la fervojista kontaktkunveno kun fakaj prelegoj fare de TK, kiun prezidis nia Pr-ino.

## 4. Aranĝoj

### 4.1. IFEF aranĝoj de LA.

Laŭ la indikoj de la jarraportoj de L.A. multaj el ili aranĝis kunvenojn kun ĝenerala asembleo, kelkaj nur la ĝeneralan asembleon. La programo antaŭvidis ankaŭ prelegojn kaj ekskursojn. Kelkaj eksterlandaj IFEF membroj vizitis tiujn aranĝojn.

### 4.2. IFEF-Kongreso

La 68-a IFK okazis en Varna (BG) 21-28.05.2016. La kongreson partoprenis pli ol naŭdek esperantistoj el dek du landoj. Ĉeestis gastoj el Aŭstrio,

Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Pollando kaj Rumanio. Detalaj raportoj kaj simplaj impresoj alvenis de diversaj partoprenantoj. La temoj de la kongreso estis bone pritraktataj. Temis pri: “La fervojo de la estonteco” kaj “La lingvoj kiel rimedo de komunikado”. La kongresaj vesperoj estis dediĉitaj al kulturaj programeroj, ĉefe al la bulgara folklora tradicio, kun kantoj kaj dancadoj, al kiuj alkutimiĝis ankaŭ la eksterlandaj partoprenantoj per instigoj kaj instruado fare de la bulgaraj amikoj. La ekskursoj malkovris al ni ne konatajn lokojn, kiuj tre plaĉis al ĉiuj, en ĉiuj lokoj la rozoj estis la vera sinjorino de la pejzaĝoj.

Dum kongreso duontago estis dediĉita al fervojaj temoj, pluraj prelegantoj prezentis novaĵojn el sia lando, helpe de lumbildoj kaj surekranaj tekstoj.

Grava okazintaĵo estis la elekto de la estraro de IFEF, tri estraranoj estis reelektitaj, eniris estraron nova redaktoro de la IFEF revuo kaj ankaŭ la gvidanto de la faka komisiono.

## 5. Eksteraj rilatoj

### 5.1. UEA

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter UEA kaj IFEF daŭre estas bonaj. Dum la UK en Nitro nia k-ano A regule partoprenis la kunvenojn kie oni diskutis pri la statutŝanĝoj, kaj dum la oktobra IFEF estrarkunsido, post interkonsento kun la komitatanoj, oni voĉdonis pri la aprobo de tiuj ŝanĝoj en statuto.

### 5.2. FISAIC

La kongreso en Varna okazis sub la patroneco de FISAIC, la informo aperis en la FISAIC kalendaro. Dum la lasta ĝenerala asembleo de FISAIC, la sekretariino de FISAIC demisiis, la tasko estis transdonita al Danio. Nia kolego Jan Niemann transprenis ĝin, sen la oficiala apogo de la dana libertempa asocio. Pro tio IFEF decidis apogi kiel faka aliĝinta asocio Jan Niemann kiel Ĝeneralan Sekretarion de FISAIC. Ĝi estas grava rekono pri IFEF ĉar dum la lastaj jaroj IFEF kaj Esperanto estis flankigitaj fare de estraranoj de FISAIC mem. Ni plifortigos la kunlaboradon kun la nova sekretario por krei favorajn kondiĉojn al la agado de ambaŭ federacioj.

**Fina komentario**
La ĝenerala situacio de IFEF estas preskaŭ stabila. La membronombro estas iomete pli malalta, sed la membronombro de la kelkaj landaj asocioj iomete kreskis. Se ni komparas IFEF-n kun aliaj fakaj asocioj de UEA ĝi estas unu el la plej grandaj.
La rilatoj kun aliaj esperantaj asocioj estas bonaj. Por nia estonteco estus bone okazigi renkontiĝojn kunlabore kun aliaj asocioj, por plifortigi nian movadon.

Bolonjo, 01-a de Marto 2017.

**Vito Tornillo, IFEF-sekretario**

## Turoj por bicikloj – ideo por regiona trafiko

Preskaŭ ĉie kreskas bicikla trafiko kaj multaj homoj uzadas biciklon por atingi la stacidomon.Tie ili deponas la biciklon kaj poste veturas per trajno al sia celo. Problemo povas esti kie konservi la biciklon. La plej bona eblo estas sekura loko sub tegmento - sed ne ĉie estas eble trovi taŭgan lokon.
En Ĉeĥio nun oni instalas „biciklo-turojn“. La unua estis konstruata antaŭ tri jaroj en la urbo *Hradec Králové*. Certe interesas ke la kostojn pagis unu homo el propraj monoj. Similajn turojn li vidis en Tajvano kaj tre interesiĝis pri ili ĉar ankaŭ en nia regiono la bicikla trafiko furoras. Nuntempe en Ĉeĥio staras kvar turoj por parki biciklojn kaj tri el ili rekte apud stacidomoj.
La konstruo postulas investon de 300.000 Eŭroj, sed la funkciado nur kostas 100 Eŭrojn monate. Biciklistoj nun pagas 20 Cendojn tage. Se ili uzas trajnon la parkado estas eĉ senpaga.
Uzi biciklo-turon estas tre facile. La kliento ŝovas sian biciklon sur spacon antaŭ la pordo kaj premas butonon. Aŭtomata portilo prenos biciklon kaj enmetos ĝin al libera loko en la turo. Kvitance la kliento ricevas ĵetonon aŭ deponkodon. Li pagas poste, antaŭ repreno de sia biciklo. Ĉio okazas tre rapide. Al la avantaĝoj certe apartenas, ke biciklisto ne bezo-

nas seruron, ĉiujn paksakojn, lampojn kaj aliajn akcesoraĵojn li povas lasi ĉe la biciklo.

La turo ofertas spacon por 118 biciklojn. Tiaspecajn parkejojn intertempe vi trovos antaŭ la stacidomoj en *Hradec Králové*, *Přerov* kaj *Pardubice*. La nombro de parkitaj bicikloj kontinue kreskas. En somero laŭ statistiko ekzemple en *Hradec Králové* estas deponataj pli ol 3.000 monate.




Ĝi allogas ĉiam pli da klientoj: la biciklo-turo de *Hradec Králové* (Foto: Ladislav Hakl)

Trafikinfarkto kaj polucio en la urbocentroj postulas alternativojn kaj konkretajn iniciatojn. La oferto de favora aŭ eĉ senkosta parksistemo proksima al stacioj tiel interligante fervojon kaj biciklon estas modela ekzemplo.

**Ladislav Hakl**






La novgotika ĉefa stacidomo *Wrocław -Główny* memorigas pri la Malnova Palaco de Florenco
(Foto: Jednozgloskowiec, WikiMedia)

## Vroclavo (*Wrocław*), la urbo de la 70-a Kongreso de IFEF

Per multkolora invitilo la organizantoj de la 70-a Internacia Fervojista Kongreso informas pri Vroclavo (*Wrocław*), la urbo kiu gastigos la partoprenantojn de la 19-a ĝis la 25-a de Majo 2018.

En Vroclavo kreskis grava fervoja nodo de Pollando. Komenciĝas tie naciaj linioj en la direktojn *Oleśnica – Ostrów – Łódź – Varsovio, Leszno – Poznań, Opole – Katowice – Krakovo, Opole – Lubliniec –Częstochowa, Legnica – Zgorzelec, Głogów – Zielona Góra, Kłodzko – Kudowa Zdrój, Kłodzko – Międzylesie, Wałbrzych – Jelenia Góra.*
Vroclavo estas belega urbo kun riĉa historio kaj eksterordinara aspekto. La urbo situas apud la Sudeta montaro, meze de Silezia malaltaĵo, ĉe la Odro-rivero en sudokcidenta Pollando.
La grundon de la urbo formas 12 insuloj kiujn apartigas multaj alfluejoj de rivero Odro kaj kanaloj kaj kiujn interligas 112 pontoj.
La urboplaco kun areo de 3,6 hektaroj konservis sian spacon depost la

dua duono de 18-a jarcento. Ĝi apartenas al unu el la plej grandaj en Eŭropo. La placon ĉirkaŭas sesdek brikdomoj en renesanca, baroka kaj klasika stiloj. Meze de la placo grupiĝas konstruaĵoj, plej grava kaj grandioza la gotika-renesanca urbodomo konstruita kaj vastigita en la 14-a kaj la 15-a jarcentoj, perlo de sekulara arkitekturo kun impresa internaĵo.

Vroclavo nombras ĉirkaŭ 650.000 loĝantoj kaj estas la kvara plej granda urbo de Pollando. La 13 altlernejoj inkluzive universitaton kaj politeknikon, multaj institutoj kaj laborejoj de la Pola Sciencakademio faris ĝin grava centro de scienco kaj kulturo.



Ĝi allogas ĉiam pli da klientoj: la biciklo-turo de *Hradec Králové* (Foto: Jacek Halicki, WikiMedia)

Vizitantoj de Vroclavo konas ĝin antaŭ ĉio kiel vigla centro de kulturo. En teatroj, operejo, muzika teatro, filharmonio, kluboj, muzeoj, galerioj okazas multaj artistaj eventoj. La kultura allogaĵo estas Bildpanoramo de *Racławice*, unu el dekkelkaj panoramaj pentraĵoj konservitaj en la mondo.

Sur la insulo *Tumski*, la plej malnova loĝata parto de la urbo jam en la 9-a kaj 10-a jarcentoj ekzistis fortikigita princa kastelo kun vasta suburbo. Post la transigo de la kastelo en maldekstran bordon de Odro sur la insulo *Tumski* en la jaro 1000 oni konstruis la unuan katedralon de Sankta Johano la Baptisto kaj poste de la 14-a ĝis la 16-a jarcentoj vicon da sakralaj objektoj. Tumski fariĝis la centro de eklezia aŭtoritatoj. En la 19-a jarcento oni fermŝutis la malnovan fluejon de Odro, tial insulo Tumski ĉesis ekzisti kiel insulo kvankam ĝi konservis sian nomon. Hodiaŭ Tumski estas unu el multaj turistaj atrakcioj de Vroclavo kaj ŝatata promenloko de vroclavanoj.

Ĉirkaŭ 3.600 hektarojn de la urbo kovras verdaj areoj, parkoj sole 24

hektarojn. La plej vizitindaj situas en la centro de la urbo: la parko *Szczytnicki (Ŝĉitnicki)* kun terenoj ĉe la Halo de Jarcento, la bestoĝardeno kaj la botanika ĝardeno.

Plie en la urbo allogas la japana ĝardeno, la vroclava multmedia fontano, la malnova juda tombejo kaj la multnombraj muzeoj kiel la nacia, la urba, la geologia, la naturscienca, la universitata muzeoj kaj la Arsenalo, la muzeo de Sinjoro Tadeo, *Hydropolis*, la arkitektura muzeo, tiu de la modernarto, la Pavilono de Kvar Kupoloj, la poŝta kaj la telekomunika muzeoj, la Centro de Historio „*Zajezdnia*" („Remizo") kaj multaj aliaj. Speciale fervojistojn interesas *Kolejkowo* (Trajnetejo) - mirakla miniatura mondo (la plej granda fervoja maketo en Pollando)

Kiel ekskursaj celoj sin rekomendas:

- la industria kaj fervoja Muzeo de ***Jaworzyna Śląska*** prezentanta ekspozicion de antikva normalŝpura vagonaro de la periodo 1890 ĝis 70-aj jaroj de la 20-a jarcento (40 vaporaj, elektraj kaj dizelmotoraj lokomotivoj, pli ol 50 vagonoj kaj aliaj fervojaj veturiloj starantaj sur reloj 2 kilometrojn longaj)



La semajnfina trajno el la fervoja muzeo
(Foto: *Muzeum Przemysłu i Kolejnictwa na Śląsku*)

- la Kirko de Paco en ***Świdnica***, grava trezoro de Malsupra Silezio. Ĝi estas unu el la plej grandaj lignaj preĝejoj en Eŭropo, konstruita sen najloj. Plej allogas la rigardon la eksterordinara arkitekturo de la interno: barokaj ornamelementoj de la ĉefaltaro, predikejoj, granda kaj malgrandaj orgenoj, loĝioj ĉirkaŭantaj interne la murojn. En la jaro 2001 ĝi estis enskribita en la liston de Mondaj Kulturaj Heredaĵoj de UNESKO.
- ***Kotlina Jeleniogórska*** - la valo de palacoj kaj ĝardenoj, unika pejzaĝo ornamita de kasteloj, burgoj kaj palacoj en eksterordinara denseco.

## La 70-a Kongreso de IFEF - vojoj de aliĝo

Vi ne havas paperan aliĝilon?

Iru al retpaĝo de IFEF, [http://ifef.free.fr](http://ifef.free.fr). Musklaku sur la kongres-emblemon.

*(aperas la kongresa paĝo)*

Musklaku sur la aliĝilon.

*(la legilo (Adobe Reader) elŝutigas ĝin kaj montras ĝin surekrane)*

Printu ĝin en broŝura formato.

La aliĝilo konsistas el la unuaj du paĝoj. Plenigu ilin kaj ne forgesu sub-skribon.

Sendu ĝin paperpoŝte al la indikita adreso de LKK aŭ
skanu ĝin kaj
sendu ĝin retpoŝte
al unu el la samloke indikitaj retadresoj.

## Forpasis Li Sen

S-ro Li Sen, honora prezidanto de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio kaj prezidanto de la Esperanto-Asocio de Fervojisto-esperantistoj de la Hohhota Fervoja Buroo, forpasis pro malsano en la aĝo de 94 jaroj je 13.50 h de la 25-a de Julio 2017 en la urbo Hohhot, Interna Mongolio de Ĉinio. Li Sen, naskita en 1923 en Tianjin, diplomiĝis el la Imperia Tientsin-Universitato en 1948 kaj eklaboris samjare en la Tianjin-a Fervoja Buroo. En 1953 li ekservis por la Taiyuan-a Fervoja Buroo kaj poste por la Hohhota Fervoja Buroo. Li funkciis kiel inĝeniero, ĉefinĝeniero, ĝenerala ĉefinĝeniero, direktoro de la buroo kaj nuna vicprezidanto de la Fervoja Societo de Interna Mongolio. En aŭgusto de 1944 li lernis Esperanton en la Pekina Universitato kaj poste vigle kontribuis por nia lingvo Esperanto. Li funkciis kiel membro de la Ĉina Societo "Geamikoj de Esperanto", iama konstanta komitato de la Ĉina Esperanto-Ligo, antaŭa prezidanto de la Esperanto-Asocio de la Aŭtonoma Regiono de Interna Mongolio de Ĉinio, honora prezidanto de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio kaj prezidanto de la Esperanto-Asocio de Fervojisto-esperantistoj de la Hohhota Fervoja Buroo kaj tiel plu. En 2011 li ricevis la premion de Tutviva Kontribuo por Esperanto atribuita de la Ĉina Esperanto-Ligo. Li servis kiel ĉef-redaktoro de la gazeto "Verda Stepo", kompilis la "Ĉina-Esperanto-Angla Fervojo-Vortaro" kaj verkis kune kun aliaj "Esperanto-Movado en Interna Mongolio dum 20 jaroj".




Kun ĈFEA funebras ankaŭ IFEF, kiu Li Sen en la jaro 2007 elektis Honora Membro.

**Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio**